


*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto III^a, XVII.)

CAMOENS

**5a jaro Majo 1935 N-ro 48**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO

ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

## MEMORINDAJ TAGOJ

1. 1890.—*Fama (kaj unua) internacia laborista manifestado.*

3. 1495.—*Hispanoj eltrovas insulon Jamaica.*

3. 1500.—*Alvares Cabral alvenas Lisabonon, eltrovinte Brazilon.*

8. 1540.—*Hispano Hernando de Soto eltrovas riveron Misisipi.*

20. 1875.—*Internacia Unuiĝo por peziloj kaj mezuriloj. Parizo.*

# A V I S O

**Se ruega que los giros y correspondencia sobre asuntos administrativos vayan dirigidos al nuevo tesorero: D. Benito Anguiano, Paseo de Extremadura, 74, 1.º, Madrid.**

---

## ACTA LVIII DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 20 horas del día 8 de abril de 1935, se reunió en el domicilio de la Asociación (Chinchilla, 2) la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros expresados al margen.

Fué aprobada el acta de la sesión anterior.

El presidente, D. Julio Mangada, presentó la dimisión de su cargo, fundándose en que se propone dedicarse a otras actividades con intensidad y para ello desea no ostentar el cargo de presidente de H. E. A., para poder obrar con libertad, si bien continuará en la Asociación, a la que prestará todo el calor y toda la ayuda de que es capaz.

Los reunidos lamentaron esta decisión; pero como, a pesar de sus objeciones, el Sr. Mangada insistió en sus deseos, se acordó aceptar la dimisión y hacer constar en acta el sentimiento que a todos ha producido su determinación. Se acordó también que en la sesión del 13 de mayo se verifique el escrutinio para el nuevo presidente, a cuyo fin, los vocales regionales remitirán su voto antes del día 10 de dicho mes, con arreglo al párrafo segundo del artículo 6.º del Reglamento. El Sr. Mangada continuará en su cargo hasta que quien sea elegido para sustituirle tome posesión de la presidencia. Ambos acuerdos se tomaron por unanimidad.

Se dió cuenta del despacho ordinario de Secretaría; y no habiendo más asuntos pendientes se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo.*—V.º B.º: El presidente, *Julio Mangada.*

Asistieron: el presidente; D. Luis Rodríguez Escartín, vicepresidente; D. Benito Anguiano, tesorero; D. Fernando Molina, vicetesorero (con la representación de la bibliotecaria doña Visitación Martín); D. Carlos de San Antonio y D. José Artigas, vocales; D. Jacinto Martín, vicesecretario, y el secretario.

## AL LA HEAANOJ

Mi ŝuldas al vi tutkoran dankesprimon pro la konstanta helpo al mia persono pro la posteno, kiun vi decidis al mi por estri nian Hispanan Esperanto-Asocion; ankaŭ pro la ĵusa reelekto mia al la prezidanteco, ĉar tio ĉi elpruvas, ke mia konduto estis tute ŝatata de vi, ke mi plenumis mian taskon akorde kun viaj deziroj; sed la bono de Esperanto postulas, ke mi forlasu la prezidantecon de H. E. A., jam tute firme starigita.

Nenia malagrablaĵo eĉ minimuma, nenia lukto, nenia diferenco pri gvidado kaj plano efektivigota de la Asocio, nenia diverseco de opinioj pri la vivo kaj celo de H. E. A., devigis min prezenti mian prezidanteksiĝon; nur la BONO ĜIA.

Vi bone scias tion, kion mi trafis por H. E. A. kaj estas nenecese diri nun pri ĉio; sed sciu: mi ne tute sukcesis, mi ankoraŭ ne trafis ĉion, kion mi volis kaj volas, kaj mi, ĉiam en la avangardo de nia kara H. E. A. obstine, fervore, senlace daŭrigos la laboron por atingi tion, kion ankoraŭ ne trafis H. E. A. Atentu bone, ke mi estos por H. E. A. same, kiel mi estis dum aliaj samideanoj estris la Asocion; ke mi ĉiam estos la sama, kia mi estis.

Ni, ĉiuj, daŭrigu nian esperantan laboron, kiel ĝis nun kaj restu plenesperaj pri la bonaj rezultatoj devenontaj de mia eksiĝo.

Antaŭen, karaj heaanoj! Ni daŭrigu nian laboron fervore, mano ĉe mano, koro ĉe koro! Akceptu la fratan brakpremon de via prezidinto, kiu ĝojegas esti malsuprenirinta de la heaana rango plej alta al la vicoj de simplaj batalantoj de la zamenhofa idealo! Sanon! Sukceson!

JULIO MANGADA ROSENÖRN

---

## —o— ATENTU —o—

*Amelia kaj Marina.*—«Ĉiu iom aktiva esperantisto konas la nomon de la aŭtoro, kiu faras multe por la propagando de nia lingvo en sia lando, kaj ofte dum niaj kongresoj reprezentas hispanajn ministeriojn en oficira uniformo kaj elsiblas forte kaj plentemperamente porpacajn vortojn.

»La subtitolo de tiu libro: *amatora poezio*, la antaŭvortoj, per kiuj la aŭtoro mem diras, ke li ne pretendas prezenti sin kiel poeto antaŭ la esperantistaro, la doloro de la patro, kiu dediĉas la poemaron al la karmemoraj filinoj: Amelia kaj Marina, forprenas emon al kritiko.

»Tra la tuta libro blovas vento de la «nova sento», aŭ plora doloro kaj suferoj pro la tragika perdo de liaj amataj filinoj. Ni ankaŭ ĉion travivas kun li kaj kune suferas pro liaj propraj oftaj enkarcerigoj.

»Povas iun ne ĉiam kontentigi la formo de l' poemo, sed neniu foriĝos de la libro ne lasante kelkajn larmojn pro la profunde premaj travivoj de Julio Mangada Rosenörn.

»Estu tiu libro por ni, kio ĝi estas: filigrano el patra doloro kaj premilitaj suferoj, en kiu la oraj fadenoj konsistas el forta optimismo: la «nova sento» dum kiu

«..................... rajto
pravo, amo kaj justeco
fine nepre ĉiam venkos
kiel sekvo de progreso.»

S. GRENKAMP-KORNFELD.»

(*El «Nia Gazeto». Februaro 1935. Nice. Francujo.*)

Akiru, ĉiuj, ĉi tiun verkon, ĝia prezo, *du pesetoj*, estas tre malalta. Se ĉiuj membroj de H. E. A. ĝin akirus, H. E. A. pretigus rapide la publikigon de «Provo pri Idearo», kaj tiel vi rezultigos grandan profiton al H. E. A. kaj al Esperantismo per tiu kompleta gravega verko.

---

## LA MANOJ, LA PIEDOJ KAJ LA STOMAKO

**de Esopo (620-560 antaŭ J. K.)**

Enviante la piedoj kaj la manoj la avantaĝojn de la stomako, akuzis ĝin pri tio, ke ili laboradas konstante, dum ĝi pasigis la vivon en ĉiama senago; ĝi manĝis la frukton de iliaj laboroj kaj penadoj; ĝi ĝuis, unuvorte, ĉiujn iliajn profitojn kaj gajnojn. «Tial ili diris al ĝi, elektu; aŭ vi lernas metion, kiu donu al vi sufiĉon por vin nutri, aŭ ni lasas vin morti malsate.» Ne havante la stomako kion manĝi, petis al ili helpon, ne unu sed diversfoje. Ili neis la helpon dum multaj tagoj, kaj konsekvence, la stomako perdis sian normalan koloron, senforta kaj preskaŭmorta pro soifo, alvenis al punkto finiĝi, al ĝi, la vivo. Vidante la manoj kaj la piedoj, kiam ja ne estis savo, ke ilin ankaŭ trafus la morto, rapidiĝis alporti manĝaĵojn kaj apetitaĵojn tre abunde; sed ne povante jam ilin digesti la stomako, mortis, kaj kun ĝi mortis samtempe la manoj, la piedoj kaj la tuta korpo.

En la homa societo, kiel en la homa korpo, unuj necesas de la aliaj, kaj ĉiuj sin servas reciproke.

Trad.: J. MARTIN

# NEKROLOGO

La 22-an de la ĵus pasinta aprilo mortis pastro Mariano Mojado, la tre laborema kaj ĉiam entuziasma heaano. Li dediĉadis al H. E. A. grandan parton el siaj lastaj jaroj per senlaca, fervora kaj sindona, laborego, kiel ĝia sekretario kune kun sia paralela agado, kiel prezidanto de Hispana Esperanto Instituto. Oni povas aserti, ke nia Asocio ŝuldas al li grandparte sian firmiĝon, entuziasmajn, lojalajajn kaj agemajn heaanojn varbitajn kaj esperantigitajn de li.

Lia agado estis vastega: per sia skribmaŝino konstante kaj tute detale, li informis pri la stato de H. E. A.; li konsilis, li kuraĝigis al la laboro, subtenante la fervoron, naskante entuziasmon, helpante ĉiel kaj ĉiujn, kiuj sin turnis al li kiel esperantistoj, neniam atentante pri io fremda al zamenhofa sento kaj al tute absolute neŭtrala fundamento de nia movado. Nenion sian li ŝparis al H. E. A. Ĉiutage li klarigis la lingvon ĉe si al ĉiuj, kiuj tion petis de li per sinsekvaj lecionoj, laŭ la libertempo de la petintoj, kvankam ĉi tio plipenigis lian laboron; ĉiam kontente li agis tiel kun la celo kaj espero fari novajn esperantistojn kaj varbi ilin por H. E. A. Per Radio, de antaŭ kelkaj jaroj en nun li propagandis pri la lingvo, pri niaj naciaj kongresoj, kaj li klarigis esperantajn kursojn, farinte tiel grandegan propagandon. Sed ankoraŭ li havis tempon por verki la vastan vortaron hispan-esperantan kaj esperant-hispanan, kiun li finis, sed kiun li tute ne trafis meti nete.

Li tradukis al nia dua lingvo kelkajn religiajn librojn kies manuskriptojn li lasis.

Li estis premiito de la rusa gazeto «La Ondo de Esperanto», unu el la plej gravaj gazetoj de la unuaj tempoj de l' Esperantismo; diplomito de la Angla Esper-Societo; membro de nia Lingvo Komitato.

Lia devizo estis ĉiam: «*Ni laboru!*» kaj li predikadis tiel kaj agadis tiel, elpruvante la verecon de sia devizo per sia ekzemplo. H. E. A. perdis gravegan pioniron. Li ripozu pace! Li vivas kaj vivados ĉe la koro de la fervoraj kaj lojalaj heaanoj ĉiam dankemaj al li!

Liaj familianoj akceptu la tutkoran kondolencon de H. E. A.!

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

GAZETOJ.—*Verda Revuo*.—Monata gazeto pri arto, scienco kaj amuzo. Bele ilustrita, grandformata, kun luksa papero kaj valora enhavo. Redakcio: Hermanngasse, 31-26, Wien, VII, Aŭstrujo. Oni povas mendi senkostan provekzempleron.

*Bulteno de Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista. Praha*.—Aperas ses-foje dum la jaro. Grandformata 20-paĝa revuo kun multaj informoj pri propagando, bibliografio, k. t. p. Redakcio: Praha XIX, Uralské, nam. 447.

*Nia Gazeto*.—Tiu franca esperantista revuo dediĉas sian martan numeron al Polujo. Ni gratulas la Redakcion ne nur pro la belaspekta kaj enhavoriĉa numero (kun ilustraĵoj), sed pro la ideo diskonigi fremdan landon. Tiu procedo estas bona ilo por plifortigi la amikajn rilatojn inter la popoloj.

*Brazila Esperantisto*.—Kun ĝojiga surprizo ni vidas sur tiu revuo kliŝojn de stampoj (en *esperanta* kaj portugala lingvoj) uzataj de la poŝtoficejoj de Brazilio por propagandi la specimenan foiron de Rio de Janeiro, kaj la diritan ĉefurbon kiel urbo turisma.

* * *

GVIDFOLIOJ.—*Paris dum printempo*.—Okpaĝa propagandilo de la foiro de Paris kun belaj fotografaĵoj, — *Universala kaj internacia brusela ekspozicio*. 1935. France kaj esperante verkita kun bildoj kaj plano de la ekspozicio. Nia legantaro estas ricevinta kun la aprila numero de H. E.-G. ekzempleron ĉu de la unua ĉu de la dua gvidfolio. Esperantistoj kaj Grupoj povas peti senpagajn ekzemplerojn de la gvidfolio pri la Ekspozicio de Bruselo al Exposition Universelle de Bruxelles, 51, avenue des Arts. Bruxelles (Belgujo).

*Valencia (Hispanujo)*.—Tre arta folio kun ok koloritaj vidaĵoj eldonita de la valencia societo Fomento de la Turismo kiun ni gratulas pro tia bela propagandilo, ne nur de la urbo, sed ankaŭ de nia lingvo.

*Lloyd vojaĝoj* 1935.—La Norddeutscher Lloyd Bremen eldonis esperantan detalan gvidfolion pri la ekskursoj fareblaj per la ŝipoj de la Lloyd al Madero; Meza Norda kaj Baltika Maroj; Norda Promontoro; Arkto; Skotlando kaj Norvegujo; Kaŭkazo; Hispanujo kaj Portugalujo. Entute tridek ekskursoj de februaro ĝis septembro.

* * *

BROŜUROJ.—*Regno de pensoj* (Mukaĉevo, Ĉeĥoslovakio, Internal, ul, 42).—Ni ricevis la unuan numeron de tiu broŝuro; ĝi estas kolekto de sepdeko de elektitaj pensoj de ĉiunaciaj verkistoj. La eldonistoj diras: «ekkaptu ĉiun belan viglan kaj bonhavan ideon, kiu survoje

Antozoo, kiu sin fiksas sur roko kaj vivas izole kaj havas ses digestajn kavaĵojn, *aktinio*. Antozoo similanta arbeton kun ok digestajn kavaĵojn, *gorgonio*. Antozoo kun ses digestajn kavaĵojn, kaj kies kolonioj formas koralajn cirklajn insulojn, *stelkoralo*. Kalkaĵa substanco sekreciita de plejmultaj antozooj, kiu formas ilian loĝejon kaj subportilon kaj uzata industrie, *koralo*. la speco de polipo, *alciono*.

**Ekinodermoj** aŭ **radiuloj.**—E. kun longa piedo, *krinoido*. la fosilia krinoido, *enkrinio* (nomo vulgara, *ŝtonlilio*). Maraj nuntempaj krinoidoj, *komatulo* (*komatolo*, laŭ Verax), *pentakreno*. E. stelforma sen piedo kaj kun buŝo en la malsupra flanko, *asterio*. Asterioidoj, kies branĉformaj radioj similas voston de serpento, *eŭrialo*, *ofiuro*. laj e-j. kovritaj de dornoj kiel la kaŝtanoj, *ekino*, *cidaro*. Manĝebla longforma e. de Oceanio, kun buŝo kaj anuso en kontraŭaj ekstremoj de la korpo, *holoturio*. Aliaj e-j., *spatanĝo*, *skutelo*.

**Vermoj.**—V. parazita en la korpo de besto, *entozoo*. Entozoo vivanta en la intesto, *intestinalo*. Rubanda intestinalo de la homo, *solitero*; ĝia longo estas de tri ĝis dek metroj (*tenio*), aŭ ĝis 14 aŭ 16 metroj (*botriocefalo*). Plata entozoo, vivanta en la hepato, *faskiolo*. Cilindroformo intestinalo de la homo kaj porko, kaj kies longo estas du aŭ tri centimetroj, *askarido*. Malgranda cilindroforma entozoo vivanta en la muskoloj de la porko kaj kiu kaŭzas tre gravan malsanon ĉe la homo manĝinta tiun porkon, *triĥino* (*trikeno*, laŭ Verax). Alia intestinalo, *ekinorinko*. Ringforma v., *anelido*. Anelido vivanta en la tero, *lumbriko*. Parazita anelido sangsuĉa, *hirudo*. Mara anelido kiu vivas en tubforma konko formita de aglomeritaj sableroj, *sabelo*. Anelido, kiu sekrecias kalkan tubon sur la enmaraj ŝtonoj aŭ konkaĵoj, *serpolo*.

**Artropodoj.**—Tiu tipo enhavas kvar klasojn: Akvaj a-j. kun du paroj da antenoj, kaj kies korpo estas kovrita de malmoliĝinta kovraĵo (nomata *krusto*), *krustacoj* aŭ *krustuloj*. Senantenaj a-j. kun kvar paroj da piedoj kaj spirantaj aeron, *araknejdoj*. Antenhavaj a-j. kun multenombraj segmentoj kaj pli ol dek du paroj da piedoj, *miriapodoj*. Sespiedaj a-j. kun antenoj, *insektoj*.

**Krustacoj.**—Fosilia krustaco el la primaria epoko, *trilobito*. Malgranda krustaco kies folioformaj kruroj servas kiel brankoj kaj kiel naĝiloj, *brankiopodo*. Brankiopodoj vivantaj en marĉoj, *brankipo*, *limnadio*. Brankiopodo similanta pulon, *dafnio*. Maraj krustacoj, kies korpo ŝajnas neartikohava kaj sin fiksas sur la rokoj, ŝipoj, k. c., *ciropodoj*.

la ciropodo kun piedo, *anatifo* ; sen piedo, *balano*. Malgranda dolĉakva krustaco, *ciklopo*. Malgranda krustaco, kiu havas piedojn laŭ la tuta longo de sia korpo, *amfipodo*. Krustaco kun maldika karapaco kaj tegumentoj duonigitaj, *entomostraco*. Granda krustaco kun glavforma vosto, *limolo*. Krustaco provizita de tre multaj egalaj kruroj, *izopodo*. Izopodoj ovojdaj, kiuj surpizitaj iĝas bulon, *armadelo, ligio, onisko, porcelio*.

Krustaco kun dek piedoj, *dekapodo*. Dekapodoj kies ses antaŭaj piedoj finas per prenilo kaj foje la du unuaj estas multe pli grandaj, *makruroj* (etimologie signifas «grandavostuloj»). Maraj bongustaj makruroj, *palinuro, omaro* (kies longo estas foje duonmetro), *saliloko* (malgranda). Saliloko rimarkinda pro ia speco de segilo kiu finas la kapon, *palemo*. Aliaj makruroj, *aksio, galateo, porcelano* (simila al omaro, kun longaj pinĉiloj), *scilaro* (simila je palinuro). Dekapodoj kun abdomeno en formo de naĝilo, *brakiuroj* (etimologie signifas «mallongavostuloj»). Iaj brakiuroj, *krabo* (vivanta en la konkoj de molusko), *lagostomo*. Granda mara krabo, *platikarceno*. Riveraj manĝeblaj brakiuroj, *astako, kankro*. Dekapodoj kun membrana kaj malforta vosto, vivantaj en konkoj de iaj moluskoj, *anomuroj*. Ia anomuro, kiu vivas en konkoj de mortintaj moluskoj, *paguro*. Alia dekapodo, *gebio*.

**Araknejdoj.**—Araknejdo simila al rivera kankro kaj kies vosto finas per kava ungo plenigita je venena likvaĵo, *skorpio*. Araknejdo teksanta reton por kapti insektojn, *araneo*. Granda araneo, vivanta en tuboj, kaj kies piko estas mortiga por malgrandaj bestoj, *tarantulo*. Iaj araneoidoj, *argironeto* (akva), *atipo, migalo* (granda). Tre malgranda araknejdo parazita kaŭzanta kelkajn malsanojn, *akaro*. Akaro kaŭzanta skabion, *sarkopto*. Akaroido simila al cimo, *argo*. Akaroideto ruĝa malgranda, kiu pikas kaj kaŭzas tiklojn, *lepto*.

**Miriapodoj.**—La ĉefaj estas *skolopendro* (kiu manĝas bestetojn), *julo* (kiu manĝas vegetaĵojn), *gipleso*. Skolopendro loĝanta sub ŝtonoj kaj manĝanta malútilajn insektojn, *geofilo*.

## XV.—INSEKTOJ kaj MOLUSKOJ

**Ĝeneralaĵoj pri insektoj.**—Sespiedaj artropodoj, *insektoj*. Grupo de bestoj enhavanta la insektojn kaj la vermojn, *entomozooj*. Scienco pri la i-j., *entomologio* ; scienculo, *entomologo*. Parto de la korpo de i., kiu estas super la buŝo kaj ĉe kiu alteniĝas la supra lipo, *klipeo*. Rigidaj haroj de iaj i-j., *cilio*. La i. post la eliro de la

ovo, *larvo*; larvo de papilioj kaj aliaj kvarflugilaj i-j., *raŭpo*. Kiam la i. jam ne estas larvo, sed ankoraŭ ne havas siajn definitivajn formojn, *nimfo*. Larvo de iaj i-j. ĉirkaŭvolvita per la propraj fadenoj, *kokono*. La i. antaŭ ol la elkresko de ĝiaj flugiloj, *krizalido*; poste, *papilio*. Se la i. estas sinsekve ovo, larvo, nimfo kaj perfekta i., la *metamorfozo* estas *kompleta*. Ĉe la koleopteroj kaj aliaj i-j., la du antaŭaj flugiloj kiam estas rigidaj pro malmoliĝo, *elitroj*.

**Klasifiko de la insektoj.**—

| | | Ordoj |
|---|---|---|
| Metamorfozo nekompleta. | Buŝo por maĉi, sen flugiloj....... | *apteroj*. |
| | Buŝo por maĉi, kvar flugiloj...... | *ortopteroj*. |
| | Buŝo por suĉi, kvar flugiloj....... | *hemipteroj*. |
| Metamorfozo kompleta. Ili havas buŝon por............ | maĉi aŭ suĉi; kvar membranhavaj flugiloj diafanaj................. | *nevropteroj*. |
| | suĉi; du membranhavaj flugiloj... | *dipteroj*. |
| | suĉi; kvar skvamaj flugiloj......... | *lepidopteroj*. |
| | maĉi; kvar flugiloj: la antaŭaj kun elitroj la postaj membranhavaj .......................... | *koleopteroj*. |
| | maĉi kaj leki; kvar membranhavaj flugiloj..................... | *himenopteroj*. |

**Apteroj** (aŭ *senflugilaj*). — Aptereto arĝentkolora vivanta en malnovaj libroj kaj lignaĵoj, *lepismo*. Aptereto saltanta, kiu vivas en muroj kaj malnovaj lignaĵoj, *poduro*. Blankaj a-j. formiksimilaj, vivantaj en societo, kiu atakas la arbojn, *termitoj*. A. sen antenoj, *akero*.

**Ortopteroj** (aŭ *rektaflugilaj*).—El la kvar flugiloj la du antaŭaj similas elitrojn kaj la du postaj estas membranecaj kaj faldiĝas. Nigra hejma nokta o., *blato*. O. detruanta la grenojn, *akrido*. O. kies abdomeno estas provizita per pinĉilo, *forfikulo* (*forfikolo*, laŭ Verax). O. vivanta en la fendoj kaj truoj, kaj kiu produktas bruon (*ĉirpon*) per la frotado de siaj flugiloj, *grilo*; ia griloido, *mirmekofilo*. O. vivanta en galerioj, kiujn ĝi fosas en la tero, *talpogrilo*. O. kies flugiloj similas foliojn, *filio*. O. saltulo, *lokusto*. Aliaj o-j., *libelo*, *manto*.

**Hemipteroj** (aŭ *egalflugilaj*).—Ili havas suĉilon nomatan, *rostron*. Parazita h. senflugila, *pediko*. Ruĝa h., el kiu oni ekstraktas karminon, *koĉenilo* aŭ *kokuso*. Malgranda longpieda h., kiu suĉas la sukon de planto, *afido* (*afiso*, laŭ Verax). H., detruanta la vinberuj-

ojn, *filoksero*. H. kun granda kapo, kaj kies viro produktas dum somero specialan sonon, *cikado*. Iaj cikadoidoj, *centroto*, *cerkopo*, *eŭlopo*, *jaso*, *ledro*, *membraco*, *tetigonio*. Plata h. vivanta en arboj kaj malbonodoranta, *pentatomo*. Luma h. el Sud-Ameriko, *fulgoro*. Hemipteroto, kiu vivas en floroj aŭ folioj kaj malutilas la vegetalojn, *tripso*.

H-j. kies flugiloj de la supera paro estas parte kornecaj kaj parte membranecaj, *heteropteroj*. Parazita hejma heteroptero kun malagrabla odoro, *cimo*. Iaj cimoidoj, *geokoriso*, *ĝero*. Akva heteroptero, iom simila al cimo, *akvocimo* aŭ *hidrokoriso*. Genroj de hidrokorisoj, *korikso*, *notonekto*, *nepo* (kies piko estas doloriga), *naŭkoro* (simila al nepo, kaj vivanta en marĉoj), *ranatro* (simila al nepo).

**Nevropteroj** (aŭ *nervohavantaflugilaj*).—N. manĝanta formikojn, *mirmeleono*. Malgranda n. simila al mirmeleono kaj kun flugiloj flavaj kaj nigraj, *askalafo*. N. simila je termito, *mantispo*. Nevroptereto, kiu vivas mallonge en adulta stato, *efemero*. Aliaj n-j., *panorpo*, *psoko*.

**Dipteroj** (aŭ *duflugilaj*).—D. vivanta grandanombre en loĝejoj kaj bestejoj, *muŝo*. Muŝoido, kies larvo evolucias en la intesto de la bestoj kaj kaŭzas malsanojn al ili, *ojstro*. Muŝoido, kiu produktas gajlon por enfermi siajn ovojn, *cinipso*. Aliaj muŝoidoj, *andreno*, *lucilio* (kun orkolora korpo), *nemocero*, *sarkofago* (karnivora). Ia d. kun granda kapo kaj kiu pikas homojn kaj bestojn, *tabano*. D. kun longforma korpo, malgranda kapo, longaj kruroj, kaj kies piko estas dolora, *moskito*. Iaj specoj de moskitoj, *kulo* (plej konata), *kuliko*, *tipolo*, *psikodo*, *kironomo*, *cecidomio*, *bibio*. Parazita d. neflugànta, sed kun fortaj saltpiedoj, *pulo*. Aliaj d-j., *ateriko*, *sirfo*, *stilopso*, *volucelo*.

**Lepidopteroj** (aŭ *papilioj*).—L-j., kiuj precipe flugas dum la nokto, *noktopapilio*; dum la tago, *tagpapilioj*; dum la krepusko, *krepuskpapilio*.

Noktopapilioj.—Lepidoptero kies raŭpo detruas peltojn, drapojn el lano, grenojn, *tineo*. Tineoido, kies raŭpo manĝas la grenojn, *alucito*. L., kies raŭpo vivas sur la vinarbedo, *piralo*; manĝas la lignon, *kosuso*. L. similanta velkinta folion, *herminio*. Iaj noktopapilioj, *erebo* (granda), *faleno*, *geometro*, *hepialo*, *likeneo*, *noktuo*, *lasiokampo* (similanta velkintan kverkan folion). L., kies krizalido enŝlosas la silkan raŭpon, *bombikso*. Larvo de silka raŭpo ĉirkaŭvolvita per la propraj fadenoj, *kokono*.

Tagpapilioj.—L. kun pinthavaj raŭpoj, *nimfalo*. Nimfaloidoj, *atalanto*, *vaneso*, *kardpapilio* (speco de vaneso, vivanta en la kardo). Iaj

antaŭ vi ekbrilos, kaj oferu ĝin sur niaj paĝoj al ĉiuj en vasta Esperantujo, kontraŭ reciproka servo.» Senpaga aliĝo. Sekve ni oferas al ili niajn «Pensojn pri la milito» de la jena kaj antaŭa numeroj de HISPANA ESPERANTO-GAZETO.

## JEN KIEL DIVIDIS LA ARABOJ

Klarigu ni tion per ekzemplo:

Estu la divido 43286 : 325. Ni skribos tiamaniere la nombrojn:

```
(dividato)   43286          (loko por la
(dividanto)  325                 kvociento.)
```

Ni diru: 432 : 325=1 » 1×5=5 » De 5 al 12, 7 » 1×2=2 » 2+1=3 » De 3 al 3, 0 » 1×3=3 » De 3 al 4, 1 » Kaj ni surstreku sinsekve la ciferojn uzitajn de la dividato, kaj tiujn de la dividanto. Reskribu ni la dividanton por serĉi la duan ciferon de la kvocienton. Estu ĝi 3, kaj ni provos ĝin sammaniere.

```
107
43286   1
325

10
1073
43286   13
3255
32
```

```
0
106
10731
43286   133
32555
322
3
```

Fine ni skribos denove la dividanton por serĉi la trian ciferon de la kvociento, kiu ankaŭ estas 3. Ni provos ĝin kaj la kvociento estas 133 kaj la resto 61.

## ENLANDA KRONIKO

*Barcelona.*—La gazeto *Le Medicina Catalana* uzas Esperanton interalie por resumi la originalan tekston en kataluna lingvo. Medicinistoj, kiuj interesiĝas, povas skribi al Liceo Dalmau, strato de Valencia, 243.

* * *

*Cartagena.*—Sur la grava ĵurnalo *El Noticiero* de tiu urbo ni legis kelkajn artikolojn pri Esperanto, kiuj estas verkitaj de nia kompetenta samideano J. Lerroux Torres, kiun ni gratulas pro tia laboro (imitinda en ĉiuj urboj).

* * *

*Las Palmas (Gran Canaria).*—Ankaŭ ni legas sur la tiea ĉiusemajna gazeto *La Opinión* artikolon pri novaĵoj de Rusujo, konitaj dank' al Esperanto, kaj notojn por propagando de nia lingvo.

## LA INSURRECCION DEL AGUA

Una fuente de un valle en Santa Elena
ve correr Napoleón
cierto día de invierno en que la pena
le atrofia el corazón.

---

—Como yo—murmuró—, que impenitente
caeré en el ataúd,
aspirando a ser mar vive esta fuente
en perpetua inquietud.—

---

Y una pobre aguadora, que le oía,
contestó a Napoleón:
—El agua, con su eterna rebeldía,
huye de la opresión.

---

¿Cómo, señor, el agua de las fuentes
tranquila podrá estar,
si la arrastran en tierra las pendientes,
los vientos en el mar?—

---

Sintiendo un frío que le llega al alma
dice el héroe: —Es verdad:
buscando el agua en su nivel la calma,
busca la libertad.

## LA RIBELADO DE LA AKVO

Vesperon vintran en Sankta Eleno
rigardis kun dolor'
fonton Napoleon', dum pro ĉagreno
suferas sia kor'.

—Ambiciaj—li diris—mi kaj fonto:
mi mortos ne pentinte,
kaj penante mar' iĝi en estonto,
ĝi vivas ribelinte.—

Kaj akvoportistino sen parado
respondis al li mem:
—La akvo, per senĉesa ribelado,
forkuras de l' subprem'.

Por akva ribelad' estas motivoj
ĉar en ĉiu moment'
surtere puŝas ĝin tre la deklivoj,
ĉe la maroj la vent'.—

Kaj kun malvarmo ĉe l' anim' li diras:
—Tio estas ja vera:
kiam la akvo pro l' nivel' sopiras,
serĉas esti libera.

La insurrección del agua de esta fuente
no se podrá calmar
hasta que halle cabida suficiente
en la extensión del mar.

---

Con los diques que alzó mi tiranía
he faltado al deber,
y trajo, en vez del orden, la anarquía
mi omnímodo poder.

---

¡Sí! ¡Sí! Pese a mi nombre, no es la historia
una vieja locuaz
cuando dice que el mundo, antes que gloria,
pide a los dioses paz.—

---

Y terminó diciendo: —En el planeta
la loca humanidad,
como esa agua que corre, estará quieta
cuando esté en libertad.—

---

Y al pensar que ha llevado el desconcierto
al mundo su poder,
con la cara más lívida que un muerto
mira el agua correr.

R. DE CAMPOAMOR

La ribelo de l' akvo de l' fontanoj
fine ĉesos ho! nur
kiam havos ĝi lokon sen tiranoj
en la maro, sen mur'.

---

Levis digojn la pov' mia kolosa
sed la devo de mi
ne estis plenumata, kaj ĥaosa
restis ĉiu naci'.

---

Malgraŭ mia la nom', ne malhonoron
asertas historioj,
kiam diras ke mond', anstataŭ gloron.
petas pacon al dioj.—

---

Fine li, do, konkludis kun sagaco:
—Por Homaro surtere,
kiel por akv' kuranta, estos paco
se ĝi vivas libere.—

---

Kaj pensante ke trafis lia povo
nur konfuzon gravuri,
sur la mond', li tre pale kaj sen movo
l' akvon vidas li kuri.

*Trad.*: F. R.

# EKSTERLANDA KRONIKO

*Irano.*—Irano estas la nomo de regno, kiu ĝis nun ni ĉiuj nomis Persujon malprave, ĉar Persujo estas nur parto de la regno, tie, kie sidas la registaro. Dekreto de la 21ª de la lasta marto (komenco de la jaro 1314ª, laŭ irana kalendaro) ordonas la uzon de tiu nomo sur ĉiuj poŝtaĵoj kaj sendaĵoj; alie la poŝtaĵoj estas resendataj. Ni atentigas pri tio al niaj legantoj por ke ili uzu la nomon *Irano* por sia korespondado kun tieaj samideanoj, kaj por korektado de la vorto Persujo sur la BES-adresaro kaj la jarlibro de U. E. A.

* * *

*Italio.*—*Universala Kongreso.*—Ni atentigas al samideanaro pri la aliĝo (krom de privataj unuopaj samideanoj) de Asocioj kaj Institucioj, ĉu esperantistaj ĉu ne, kiel lernejoj, grupoj, gazetoj, turismaj kaj alispecaj agentejoj, k. t. p. Tiuj ĉi «helpkongresanoj» pagos kiel kotizo 40 lirojn (proksimume 25 pesetojn). Oni povas rimarkigi al aliĝontaj firmoj ke la listo de kongresanoj estos diskonigata tra la tuta mondo per la esperanta gazetaro kaj la «Kongresa Libro». Do, la aliĝo ne nur havas moralan signifon, sed ankaŭ *atentindan reklaman valoron.*

Por efika ekspozicio dum la 27ª la Organiza Komitato petas afiŝojn, sigelmarkojn, poŝtmarkojn, kongresraportojn, insignojn, eltranĉaĵojn de gazetartikoloj pri esperanto, k. t. p.

Oni anoncis por la Kongreso la jenajn fakkunsidojn: 1ª, Radiokunveno. 2ª, Unuiĝo de Esp. Virinoj. 3ª, Stenografistoj. 4ª, Komercistoj. 5ª, Mekanikistoj kaj Turnistoj. 6ª, Tutmonda Asocio de Geinstruistaj Esperantistoj (T. A. G. E.). 7ª, Marista Ligo Esperantista. 8ª, Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj. 9ª, Sportistoj.

Unu monaton antaŭ la Kongreso, tiuj, kiuj aliĝis fino de majo, en okazo de nericevo de la provizora kongreskarto devos peti de Esperanto-Centro Itala duplikaton.

La provizora kongreskarto utilos eventuale laŭbezone por faciligi la ricevon de pasporto al Italujo, kaj forsendon de mono al la «Esperanto-Centro Itala». Ĝi krome estos necesa por ricevi post la alveno en Italujo, la kongresdokumentojn.

La definitiva kongreskarto validos por ricevi la insignon kaj la diversajn kuponarojn por la kongresaj servoj, turismaj servoj ktp.

Oni devos do zorge teni ĉe si ambaŭ kartojn, kaj kunporti ambaŭ al Italujo.

* * *

*Aŭstrujo.*—La Tutmonda Asocio Kolektanta, kun membroj el 24

landoj, pli kaj pli progresas. Ĝi eldonis «Katalogon de la Esperanta gazetaro» kaj «Katalogo de la Esperanto-por-okazaj glumarkoj».

Estas preparite la eldono de «Katalogo de la Esperanto sigelmarkoj», «Filatelista terminaro», «Deklingva Filatelista trazaro», «Katalogo de la Esperanto ilustritaj poŝtkartoj», k. t. p. Ĝia organo estas la dumonata gazeto «Tutmonda Kolektanto» (specimeno kontraŭ unu respondkupono ĉe F. V. Mizera, Jablonné n. Orl. Ĉ. S. R.).

## PENSOJ PRI LA MILITO

Se miaj soldatoj pensus, neniu estus en la vicoj de miaj armeoj.—*Reĝo Frederiko IIa de Prusujo.*

* * *

Ne estas rajto por kontraŭstari al interesoj de l' Homaro la interesojn de la Patrujo.—*Emilo Castelar.*

* * *

Paco estas juvelo; sen ĝi nenia bono povas esti sur la tero.—*Cervantes.*

* * *

Dum la milito, tio, kio plej danĝeras ne estas la patrujo, sed la libereco.—*Lamartine.*

* * *

Dum la milito la gepatroj entombigas siajn filojn, malordigante la leĝojn de la naturo; dum la paco la filoj entombigas siajn gepatrojn.—*Saavedra Fajardo.*

* * *

Milito estas kvazaŭ la malfeliĉa troigo de ĉiuj krimoj citataj en la Punleĝaro.—*Renán.*

* * *

Mi neniam povus esti soldato, almenaŭ ke mi finu forkurante aŭ memmortigante.—*Renán.*

* * *

—Diru, via leŭtenanta moŝto, ĉu ami patrujon estas laŭdinda afero?
—Ĝi estas plejlaŭdinda.
—Kaj ataki ĝin?
—Plejmallaŭdinda, perfidaĵo, krimego.
—Do, kial ni atakas en Maroko la patrujon de la maŭroj?—*X. X.*

## IO EL ĈIO

### TIO ESTAS EVIDENTA

Igu ni ke la sama litero anstataŭu ĉiun ciferon en la sekvanta alineo kaj ni ricevos frazon matematike ekzakta:

«123o da 123245oj (aŭ 123245o da 123oj) estas unu 123245o da fojoj pli granda ol 12345o de 123245o (aŭ 123245o da 12345oj), ĉar tiu-ĉi kvanto nur valoras 123, tio estas 7825907o da 96907oj (aŭ 96907o da 7825907oj).»

* * *

### KURIOZAĴOJ

—Kiu estas la plejgranda kvinsilaba nombro kies kvin vokaloj estas malsamaj?

—Kaj la plej malgranda?

* * *

### SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*La pluvombrelego.*—Unue iras Johano, Petro kaj Antono; revenas Johano kun la pluvombrelo. Due marŝas Johano kun la patrino; revenas la patrino. Trie iras la patrino kun unu aŭ du filinoj (ses solvoj); revenas unu filino. Kvare marŝas la du (aŭ tri filinoj). Entute naŭ solvoj.

Aliaj naŭ solvoj: unue iras la tri filinoj; revenas unu (tio estas, tri solvoj). Due iras filino kaj patrino; revenas patrino. Trie marŝas patrino kun Johano (aŭ Johano kaj alia junulo, tio estas, tri solvoj por ĉiu el la antaŭaj; entute, naŭ solvoj); revenas Johano (aŭ la alia junulo). Kvare marŝas Johano kun la du junuloj (aŭ la du junuloj).

*Enigmo studa.*—Erupciaĵo. Senkuraĝiĝo. Paperbutiko. Entuziasmo. Reputacio. Arĥitekturo. Naturscienco. Tamburegisto. Okmilducenta.

* * *

*BES-adresaro.* — Ĝi estus eldonata dum la venonta julio. Tiel baldaŭ kiel ni ricevos la ekzemplerojn, ni disdonos ilin al tiuj heaanoj, kiuj pagis 1,50 pesetojn krom la jara kotizo.

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL.—Torrecilla del Leal, 17 - Teléfono 71926